# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 54 (1) JANUARO - FEBRUARO/87



**E S T R A R O   D E   A. E. A.**

**Prezidanto: S-ro Santiago Mulas**
**Vicprezidanto: S-ro Adonis González**
**Sekretario: S-ro Julio Argüelles**
**Kontistino F-ino Mª Carmen Junco**
**Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez**
**Bibliotekisto: S-ro J.M.Rguez. Felgueres,**
**Gekomitatanoj:**
**F-ino Pilar Alonso**
**F-ino Mª Jesús F. Luiña**
**S-ro Luis Muñiz**
**S-ro Faustino Castaño**
**S-ro Antonio Román**

**A D R E S O   D E   A. E. A.**
**Str. Enrique Cangas, 25**
**Telefono, 341918 33206 - GIJON**


- - - - - - - - -

**E N H A V O**





Depósito legal n-ro O/319/85


## Sed... ne nur...

Nedubeble Vi jam konstatis, kara leganto, ke finfine Ni mergiĝas en la Jubileon, Ni atingas la Centjariĝon de Esperanto, do Nia nepra devo estas ankoraŭ pli efike labori por ke Esperanto plenatingu la celon por kiu ĝin iniciatis Nia Majstro, L. L. Zamenhof, t.e., ke ĝi estu agnoskita, kiel la Internacia Lingvo, kaj kiel tia devige instruata en ĉiuj landoj kaj adoptita far ĉiuj tutmondaj registaroj.

Sed... ne nur ĈI TIO. Ankaŭ unu el Niaj nepraj devoj, tial ke Ni Nin mem konsideras esperantistoj, estas kiel eble plej perfektiĝi en la regado de Esperanto, kiel eble plej korekte kaj flue ĝin uzi ĉiam kaj ĉie, sed ĉefe antaŭ la novbakitaj esperantistoj por ke ili, siavice, la - Lingvon regu kaj antaŭ la ekstera publiko, por ke oni konstatu la viglecon de Nia Lingvo por ĉiaj interhomaj rilatoj.

Do, ek al ' !

ADONIS

# NIA ANTENO

Per tiu ĉi nia rubriko, kiun ĝenerale ni uzas por informi nian legantaron pri eventoj kaj okazaĵoj, kiuj ĉu fontas el nia vivo, ĉu rekte rilatas la funkciadon de nia Asocio, hodiaŭ jam tre vivantaj la Jubilean Jaron ni estas devigataj vin sciigi pri bedaŭrinda okazaĵo por ni ĉiuj (kaj des pli por mi mem, kiu ja estas kiu la rubrikon verkas !). Nu, temas pri tio ke nia s-ano. Adonis González Meana denove kaj dum dekduo da tagoj kuŝis en hospitalo. Ĉi foje, kaŭze de ia hidrocefalo el kiu originis iskemio, kio malfortigis lian dekstran kruron kaj, sekve, li iomete lamas. Feliĉe nun jam reenhejmigita kaj plenumanta la instrukciojn de la kuracistoj, li denove iel bonfartas sed, kompreneble, ne tre !

Sed ankaŭ ni disponas tre agrablan novaĵon. En la unuaj tagoj de Februaro, kaj dum tutan semajnon, ni estis honoritaj per la kunesto de s-anino. el Bulgario, Bojana Prodanova, kiu gastis en la hejmo de nia s-ano. Julio Argüelles. Kiel dirite, dum tutan semajnon ni ĝuis sian konversaciadon; ŝi vigle, klare kaj korekte parolas Esperanton. Nedubeble ŝia vizito konsistigis bonaŭguron por nia Esperanto-movado en Asturio kaj gravan kuraĝigon por niaj gelernantoj, kiuj ja povis praktiki nian lingvon kun eksterlandanino kaj propraspertе konstati ĝian taŭgan validon. Ĉio tio ĉi des pli bonaŭgura estas pro tio ke ĝi okazas kaj en la Jubilea Jaro, kaj precize, kiam ni jam alfrontas la sojlon de la dua jarcento de Esperanto.

Nun, kiam jam niaj E-kursoj fermiĝis, ni aranĝis konversaciajn rondojn por ke la gelernantoj kaj praktiku kaj ekregu Esperanton. Tiaj konversaciaj rondoj okazas ĉiusemajne, lunde — kaj vendrede, gvidataj far nia Prezidanto, s-ano. Santiago Mulas kaj aliaj veteranaj membroj de nia Asocio.

Ni klopodas ĉiamaniere alporti nian eron en la plenumado de nia devo kiel esperantistoj en tiu ĉi Jaro de la JUBILEO !

A D O N I S

# F I N F I N E ! ! !

Finfine, post longa atendo, aperis la grava verko: "ASTURA BUKEDO".




Adresu viajn mendojn al:

. LIBROSERVO DE H.E.F.
Poŝtkesto, 119
47080 - VALLADOLID

. LLIBRERIA ESPERANTO
Carreras Candi, 34-36
08028 - BARCELONA

. ASTURA ESPERANTO-ASOCIO
Enrique Cangas, 25
33206 - GIJON

PREZO: 650 Ptoj.
(20% da rabato ekde 10 ekzempleroj).

# NEK SURPRIZO NEK REVELACIO...

Nia belletra, astura "HELECO", plibone estus nomi ĝin "BELECO", publikigis komunikilon de la "Verda Komisarejo", en sia 52 numero de la jaro 86.

Nu, nemirige estas la kutimo de ĉiu esperantisto verki, eĉ skribi per krajono malnete aŭ per ruĝa krajono persekuti lingvajn pekulojn. Bonvolu rimarki, kiom da gestrangulој per stiletakra plumo skermas juste aŭ tute aberacie kontraŭ aleskaj - ventmuelejoj. Por la jaro 2000 ĉi tiu verkado verŝajne ne trovos plu da loko en niaj bibliotekoj. Do, karaj geverduloj, bonvolu rememori tion. Kiam jukas vin la ungaj falangetoj, estu singardemaj kaj verku neprajojn, bezonajn por nia kara lingvo.

Sciate estas, ke jam nia samideano Damaso Garlik, estro de fame konata AKEI/Amatora Klubo Esperantaj Detektivoj/, avertadis kontraŭ la lingvaj deliktuloj, kiuj senĉese plagigas ankaŭ plagiatas nian karan lingvon. Tio ĉi estas malfavora fenomeno, kiu ĝenadas fatale la disvolviĝon. Pro tio ĝuste estus plej bone ne montri publikajn ekzekutojn, sed ĉion aranĝi en niaj klubejoj. Fakte ĉie kaj ĉiam aperadis ĉi specaj teroristoj, eĉ nia Majstro antaŭ jaroj kondamnis ilin. Do, nek kvin batoj, nek dek klarigas la malbonstaton de nia Esperanto. Alia granda peko estas la neologismemo. Sufiĉas jam opinii, ĉu la lingvo estas Diegeza aŭ Diegeska, ĉu ĝi estas kurta aŭ posedas revelacian stilon. La subskribinto konas nur unu rimedon kiu estas tiel same malnova kiel Esperanto. Konas ĝin ĉiuj, ĝi estas la Fundamenta Krestomatio...

Jen estas konsilo por ĉiuj verdaj komisaroj, inklude la speciala sekcio de "ruĝaj krajonistoj"... Ne bati diligente la lingvo-deliktulon, sed devige enkonduki en la klubejoj la komunan legadon de la Fundamenta Krestomatio precipe helpe de niaj - instruistoj.

EXPO Sevilo kaj la Olimpiaj Ludoj de Barcelono 92, alproksimiĝas kaj nia hispana esperantistaro, eĉ tutmonda, devus pretigi al ĉi tiu grava tasko ĉe enkonduko de Esperanto. Ni ĉiuj estas konsciantaj, ke ankaŭ la varbado de novuloj ekstariĝu kiel dogmo.

Kara verda Komisaro, kvankam ni admiras vian formikan, eĉ ofte per lupee, do, - kiel postulo mi volonte petus iom da ŝanĝo. Ekzemple, se estus ebla presigi ordinaran flugfoliojn en la naciajn lingvojn kaj organizi disdonadon ĉe stacidomoj, enaŭtobuse, surstrate, en preĝejoj, kinejoj ktp.

Nu, ne flankiĝu, niaj karaj...

MARKO SALGADI

# Kie estas tiuj belulinoj, kiujn mi konis dum mia juneco?

Ĉi tiun demandon kaj aliajn similajn mi min tre ofte faris en la lastaj tempoj.

Unue mi devas klarigi, ke mi jam trapasis tiun psikologian baron de la kvindek jaroj. Do, ĉiuj tiuj belulinoj, kiujn mi konis dum mia juneco kaj ankoraŭ vivas, estas ankaŭ kvindek-jarulinoj, pli-malpli.

Kiamaniere la vivo traktis ilin ?

Tio estas al mi, por la plejmulto el ili, granda mistero. Nur pri unu mi havas tutplenan sciigon. Ŝi loĝas ĉe mi. Ŝi estas edzino mia kaj ŝi, mi povas aserti, estas ankoraŭ tiel bela, almenaŭ, kiel antaŭ tridek jaroj, kiam mi enamiĝis al ŝi. Tamen, kiam mi ankoraŭ ne estis koninta tiun, kiu post la la paso de la jaroj estus edzino mia, mi konis aliajn kaj inter la konatulinoj estis unu, kiu tre allogis min. Ŝi elstaris super la ceteraj, kvazaŭ astro brilanta per propra lumo.

Kiam mi estis je 35 jaroj pli juna, la urbo enhavis nur duonon de la nunaj enloĝantoj kaj la vivo estis pli simpla kaj santempe altira ol nuntempe. La junularo renkontiĝis promenante tra la ĉefa strato de la urbo dum tri sezonoj de la jaro (aŭtuno, vintro kaj printempo); kaj la kvaran sezonon (someron), la elektita loko por renkontiĝo, estis tiu granda promenejo ĉe la marbordo. Dum somero ni kutimis promenadi ĉiutage, sed en la aliaj tri sezonoj, nur dufoje ĉiusemajne (ĵaŭde kaj dimanĉe).

Kilometrojn post kilometroj ni promenadis tien kaj reen, dum kelkaj jaroj.

Plurajn parojn da ŝuoj ni eluzis pro tiuj promenadoj.

Multnombraj geedziĝoj naskiĝis sub la aŭspicioj de tiuj oftaj renkontiĝoj.

La gejunuloj samaĝaj estis ĉiam la samaj promenantoj en la samaj lokoj. Ĉiu iro kaj reveno taŭgis por rigardi, ankoraŭfoje, al tiuj allogaj "belecoj", laŭ propraj ŝatoj. Eĉ ofte, la iroj estis pli mallongaj por gajni tempon kaj vidi ilin pli da fojoj.

La viroj tiam ne estis tiel aŭdacaj, kiel nuntempe, krom tiuj nomataj "filoj de paĉjo" (filoj de riĉuloj), kiuj, pro la forto, kiun al ili donis la mono de iliaj patroj, ĉiam estis ĉie, ofte ĉirkaŭitaj de belaj junulinoj, kiuj plejparte pli ŝatis la odoron de la mono de tiuj riĉuletoj, ol ilian belecon aŭ moralajn aŭ homajn kvalitojn, eble kun la interna celo edziniĝe riĉe. Tiuj virinoj, kompreneble, nur estis afablaj kun la riĉuletoj.

Tiu virino, kiu tiel allogis min, havis belegan vizaĝon, nigran hararon, glatan frunton, longajn okulharojn, mallarĝajn brovojn, grandajn kaj nigrajn okulojn, alĝustigitajn nazon, buŝon kaj orelojn, dikajn lipojn, perfektajn mentonon kaj makzelon. Ŝia tuta vizaĝo ŝajnis al mi tiam, kiel unu el tiuj — senmakulinoj pentritaj de la hispana pentristo Murillo. Nek alta nek malalta, proksimume alta je 1,65 m., svelta, kun brunigitaj kaj bele tornitaj kruroj. Neniu alia estis tiel bela, kiel ŝi, laŭ mia vidpunkto. En tiu tempo mi kelkajn aliajn konis kaj idealigis; tamen, kiel ŝi, estis neniu alia, mi ripetas. Tiel ŝi impresis min.

Komence, antaŭ ol ni ambaŭ konatiĝis, dum promenado ofte niaj rigardoj interkruciĝis kaj, kelkfoje, tiuj de ŝiaj amikinoj aŭ fratino (kun kiuj ŝi kutime promenadis) kaj, kiuj, supozeble, indikis al ŝi, ke mi denove rigardis ŝin.

Kun tiu bela virino mi iam konatiĝis en loka dancejo. Estis somero. Kompreneble ni dancis, unu tre proksima al la alia. Mia koro forte batadis, sed malgraŭ tiu densa nebulo, kiu preskaŭ kovris miajn sensorganojn, mi povis konstati, ke ŝi estis ankoraŭ pli bela, ol kiam mi ŝin vidis de malproksimo. Sia antaŭnomo estis... bone, permesu, ke mi nur nomu ŝin per ĝia komenca litero, L. Ni paroladis; paroladis kaj dancadis. En la adiaŭo, ŝi sciigis min, ke ŝi baldaŭ ferios en malproksima urbeto el Kastilio.

Pasis tiu somero, alvenis aŭtuno kaj vintro, kaj mi ne plu revidis L-n en la kutimaj lokoj de renkontiĝo de la junularo. Poste mi enamiĝis kaj mi nur havis okulojn por mia amatino kaj forgesis L-n kiu, kun la paso de la tempo, nur lasis en mia vivo la rememoron de iu bela juna virino.

Hodiaŭ, tiom da jaroj poste, kun la kapo pli "malvarma" kaj serena, mi pensas pri la sorto, kiu atendis en la vivo tiun junulinon, samkiel pri la sorto, kiu atendis la ceterajn junulinojn kun kiuj mi ankaŭ konatiĝis, kaj tiam ekestiĝas el mia cerbo diversaj demandoj, pri kiuj mi neniam trovis respondo-

jn, ĝis la hodiaŭa tago, tiaj, kiaj:

- Kie estas tiuj belulinoj...?

- Ĉu L edziniĝis ? (se tio okazis, ŝi povas esti eĉ avino).

- Ĉu ŝi estis/estas feliĉa ?

- Ĉu ŝi vidviniĝis ?

- Ĉu ŝi vivas aŭ forpasis ?

- Kial mi ne plu revidis ŝin nek la ceterajn ?

- Ĉu iuj vojaĝis eksterlanden aŭ nur - for de la limoj de la provinco aŭ de la urbo ?

El tiu dekduo da belaj junulinoj, kiuj dum la jaroj de mia juneco pli ol unu fojo - forigis mian dormon, nur unu el ili mi vidis ne antaŭlonge dufoje, sola, de malproksimo . Mi trovis ŝin ankoraŭ bela. Sed, kie estas - la ceteraj ?

Supozeble ne ĉiuj el ili estis foririntaj el la urbo de niaj amoj; do, eble kelkaj el ili ankoraŭ loĝas ĉi tie kaj, aŭ mi ne koincidis kun ili, aŭ ili estas tiel ŝanĝitaj, ke mi ilin ne kapablis rekoni inter la homamaso, kiu ĉiutage trapasas la stratojn de la ankaŭ ŝanĝita kaj pligrandigita urbo.

Eble la faltoj kaŝis tiujn iam junajn - belajn vizaĝojn. Eble ilia korpa volumo duobliĝis pro ĝenetikaj problemoj.

Eble iliaj hararoj estas nun grizaj aŭ tute blankaj aŭ tinkturitaj, celante kaŝi tiujn spurojn, kiujn lasis la paso de la jaroj.

Eble kelkaj el ili, eĉ L, la plej bela el inter ĉiuj, estis forte punitaj de la paso de la tempo, ĉu pro familiaj problemoj, - ĉu pro malsanoj, ĉu pro diversaj aliaj kaŭzoj, ĝis punkto, ke tiuj antaŭe belegaj vizaĝoj transformiĝis en homajn ruiniĝojn. Tio eksplikus, ke mi ne estis povinta ilin rekoni.

Ankaŭ mi pensas, se iu el ili, hazarde, iam vidis kaj rekonis min, kian opinion ŝi povis havi rigardante kiamaniere la diversaj travivajoj forĝis mian nunan vizaĝon kaj ĝeneralan aspekton.

Eble ŝi diris ion similan al ĉi tio:

-"Kian bonŝancon mi havis ne edziniĝinte kun ĉi tiu nun kvarokula, dikventra senharulo ! Ĉi tio ja estas loteria premio !"

Tiurilate alvenas al mia memoro tiu poemeto verkita de mia samprovincano kaj genia poeto Ramón de Campoamor, kiu pli-malpli tradukita al la internacia lingvo tekstas - jene:

"Pasas la jaroj... revenas li
kaj vidinte sin, la maljunaj geamindumantoj ambaŭ pensas:
- Sankta Dio, ĉu ĉi tiu estas ŝi ?
- Mia Dio, ĉu ĉi tiu estas li ?"

La tempo, bedaŭrinde, pardonas neniun, Kaj la juneco kaj beleco estas tiel efemeraj...

I D O L O

(daŭrigo de la paĝo 9)

hodiaŭa estas tasko de tiuj publicistoj, kiuj maldiligente akceptas fremdajn esprimojn, kiuj siavice estas atesto de ilia profesia neglektado.

LUIS SERRANO PEREZ
(SABADELL)

(daŭrigo de la paĝo 8)

Mi ne scias, kiel fartis mia amiko Jüri Rumm kaj kia estis lia plua sorto, sed min oni elpelis ĉie kun honoro kaj gloro, kie ajn mi ekfumis mian tabakon. "Terura homo !" oni kriis al mi en la vizaĝon. "Vi blasfemas, malhonorigas la tutan domon, la tutan urboparton !"

Kaj vere, tio povis esti sufiĉe terura: virinoj eksvenis, infanoj ricevis kramfojn - kaj viroj eltusis kokluŝe sian animon. Nur en unu ejo oni estis danka al mi. Antaŭe en tiu loĝejo troviĝis cimoj, sed tuj, kiam mi tie forfumis unu plenpipon de mia havano, la ejo - puriĝis de tiuj insektetoj.

Sed nun mi estas pli saĝa. Nun mi plu ne aŭskultos ies konsilon en mia tabakfabriko , sed laboras nur laŭ propra bontrovo. Kaj jen: la dúa porcio jam iĝis tute boneta. Mi esperas, ke la tria fariĝos ankoraŭ pli bona. Laboro instruas.

El la estona: JOHANNES PALU, Tallinn

# Niaj Geamikoj el....

## ...Sovetunio

# TABAKO

Moto: Laboro instruas

Pli ol dudek jarojn mi oficis kiel apotekisto,aŭ "apotikisto",mi konas kelknombre la kuracherbojn, sed tiun malbenitan,tiun tabakon, mi ne konas. Jes, mi estas fuminta ĝin sufiĉe kaj pli – eĉ unu linion mi ne povas skribi sen fumaĵo – sed pri ĝia kreskigado kaj preparado mi ĝis nun ne posedis eĉ bluan imagon.

Nun mi posedas. Tio estas proksimume afero simila al ribelado en Hindio. Mi laboras po dudek kvin horoj ĉiutage en fako de tabako. Baldaŭ mi anoncos min majstro kaj specialisto kaj ekringigos la voston. Fiero. Mi ne plu vidas eĉ mian propran ruĝan nazon.

Printempe mi eniris en iun semovendejon, okulumis al beleta vendistino, flugĵetis nedecetajn ŝercojn – kiel mi havas la kutimon – kaj komprenеble ricevis tabaksemojn multspecajn: havana, kuba, virginia, ŝmirenia, portugala... kaj iom de mahorko, interalie. Bone !

Mi metis ilin kreski en mian ĝardenangulon – ĉiujn tiujn kvin mondpartojn kaj kromdone la planedojn.

Ili kreskis, floris kaj verdadis proprakape; sed tiam alvenis la tempo – kiam mi devis surmeti la zonon kaj ekagadi. "Ho, tio estos bagatelaĵo ! mi pensis, kolektante la foliojn de tabako kaj ekante preparadi ilin.

Okazis tiel, ke ĝuste tien alvenadis mia amiko Johannes Nigel kaj diris:

–"Saluton ! Kion vi faras ĉi tie ?"

–"Vi ja vidas: mi detranĉas la foliojn de tabako. Manko de tabako egas. Ĉe nigra bazaro mi devas pagi per pura sango kaj beateco de l'animo."

–"Nu jes, certe, sed, kial vi, stultulo, tranĉas la suprajn foliojn ?"

–"De kie, do ?"

–"Tranĉu de malsupre. Kiel do Dio dividas terparcelojn inter stumkapuloj ! Se tia parcelo estus en miaj manoj... hohoo !

Mi tranĉis de malsupre kaj metis ilin sekiĝi tiel same en mian laborĉambron, sur la plankon.

Denove ĝustatempe, alvenis mia alia amiko Karlo Plirtsti. Kaj li tuj ekriproĉis:

–"Ho, la graco kaj potenco de Jesuo ! Jen, li sekigas la tabakon sur la — planko !"

–"Kie do, mi devas sekigi ĝin ?"



-"Surfadenigu ilin kaj tiam sub la plafonon. Nu, ekzistas homo !

Mi surfadenigis ilin kaj tiam sub la plafonon.

La tabakfolioj sekiĝis kiel gorĝo de drinkemulo. Kiam mi nokte malfermis la fenestron, ili susuris tiel dolĉmilde "kiŝ-kiŝ-kiŝ ke ekvarmiĝis mia koro kaj mi havis senton, ke mi ne plu estos sola en ĉi tiu mondo, ke ekzistas iu , kiu...

Tiam, jen, alvenadis mia tria amiko, Jakob Keer. Li palpis la tabakfoliojn kaj murmuris kontraŭ si, kvazaŭ li ne parolus kun mi:

-"Hmh ! Tabako seka kiel polvo, ni ekvidos, kiam li ektanos ĝin ?"

-"Ĉu estas tempo por tani ?" - evidente mi faris grandajn okulojn kvazaŭ - birdido falinta el la nesto.

-"Jen ankoraŭ !" ridaĉis la amiko - "Sed antaŭe vi devas tiujn foliojn ruigi en lakto."

-"En lakto ? Mi ne havas lakton."

-"Nu, mi ankaŭ ne havas. Ĉiu ulo ja mem likvido siajn aferojn !"

Mi ŝteletis la lastan laktoguton de la infano de nia kortisto kaj ekruigis la foliojn.

-"Kion vi faras, folulo ?" venis la amiko Pugu - "Vi ja fuŝas la tabakon!"

-"Amiko Keer instruis tiel: ruigu en lakto."

-"Keer estas stulta kiel boto. Kion scias li pri tabako ? Aspergu per alkoholo, kaj tiam en varmegan fornon."

-"Ĉu ankaŭ almeti fajron ?"

-"Idioto ! Fajron vi almetos, kiam ĝi jam estos en via pipo."

-"Bone ! Estos farata tiel, kiel ordonas la sinjoroj moŝtoj."

Mi dishakis miajn du lastajn lignostumpojn, hejtis la fornon, kaj ĵetis la laktajn kaj ruitajn en alkoholo tabakfoliojn karmaŭh ! tien. Mem kuŝiĝis mi sur la liton kaj eklegis gazeton, kvietkore kaj gajanime, ke tamen finfine oni montris al mi la ĝustan vojon, kiel konduti kun miaj folietoj.

Min vekis mia amiko Jüri Rumm, kiu venis por pruntepreni de mi tabakon.

-"Kia nekristana fetoraĉo estas en via ĉambro ĉi tie ?" - faltigis li la - nazon.- Ĉi tie io kvazaŭ brulaĉas."

Jes, ankaŭ mi ekflaris, ke la afero ne estas en ordo.

-"Tio estas evidente, mia tabako" - mi opiniis.

-"Kie do, ĝi estas ĉe vi tiu tabako ?" - demandis Jürĉjo kaj rondrigardis en la ĉambro.

-"En la forno."

-"Tabako en la forno ?! Pro kia miraklo vi ĝin ŝovis tien ? Ĉe vi eble iu ŝraŭbeto en la kapo disŝraŭbiĝis. Homo kun sana menso ja ne faras tiajn numerojn !"

-"Pugu ordonis fari tiel."

-"Huh ! Pugu ordonis ! Ĉu li ne ordonis al vi mem ŝoviĝi en fornon ?"

-"Nu, jes, tion mi konjektis !"

Li krietis, malfermante la aperturon de la forno:

-"Tabakon mi ĉi tie ne vidas ĉiukaze, anstataŭ la tabako estas ia substanco, kiu tre similas je verm-boritaĵo. Sed ni elprenu almenaŭ tion, ni savu,kio estas savebla.

Tiel ni faris kaj dividis la "substancon" kristane inter ni. Ho, jes:antaŭ tio Jüri al ĝi gutumigis ankoraŭ ion.

(daŭrigo sur la paĝo 6)

# FREMDAJ ESPRIMOJ



Mi ne scias, ĉu en la hispana lingvo mankas esprimoj por bone klarigi konceptojn aŭ ideojn, sed la fakto estas, ke delonge mi legas en la hispanaj ĵurnaloj fremdajn esprimojn, skribitajn en neniu hispana lingvo.

Kiu ne legis en la ĵurnaloj vortojn, kiel ĉi tiujn: "free shops", "Shocker", "stableford", "jet-set", "Overbooking", "time-out", "hooligans", "off", "latin lover", "typical spanish"...kaj tre ofte eĉ tiuj fremdaj esprimoj lingvaj aperas sen la tiel nomataj krampetoj, kio donas erarigan komprenon al la leganto, ĉar li jam rajte devas pensi, ĉu tio estas nova vorto en la hispana lingvo ?

Mia vango ne ruĝiĝas se mi diras, ke la signifon de iuj vortoj fremdaj supre skribitaj mi ne konas. Unue mi supozas, ke ili apartenas al la angla lingvo, sed iliaj mesaĝoj restas enigmo por mi. Kaj eĉ se vi diras, ke mi estas granda analfabeto, tiurilate, eble vi pravas, sed la vero estas, ke mi ne konas la anglan lingvon. Vero estas ankaŭ, ke iuj el tiuj fremdaj vortoj estas tiom ofte uzataj, ke fine mi povas dedukti ilian signifon. Sed ankaŭ estas vero, ke mi ne intencas ilin kompreni, en ties "originala" lingvo, kaj eĉ okazas, ke mi forlasas la legadon de la teksto.

Evidente, miaj personaj opinioj rilate al tiu lingva problemo ne gravas, nek tio alportos ian katastrofon por nia enlanda lingvo. Tamen antaŭ mi prezentiĝas tri demandoj, kies klarigon mi ne kapablas doni; la unua estas: kial oni skribas tiujn lingvaj fremdaĵojn ? Mi pensas, ke ĝia kaŭzo estas la maldiligenteco de la ĵurnalistoj, ĉar estas precipe en la ĵurnaloj, kie ili aperas.

Verŝajne, tiuj publicistoj ne deziras multe cerbumi kaj akceptas la fremdajn vortojn, kvazaŭ ili jam apartenus al nia kara gepatra lingvo. Tio evidente estas profesia mallaboremo, neniel pardonebla.

Alia demando estas: Ĉu en la hispana, kastilia lingvo, ne ekzistas vortoj kun ekvivalenta signifo ? Eble ne tute ekzakte, sed ja la daŭra uzado de la plej bona traduko, donus al la leganto la ĝustan signifon de la vorto. Tamen, mi opinias, ke taŭga traserĉado donus al tiuj fremdaj esprimoj taŭgan kaj ĝustan tradukon.

Fine, estas la tria demando: se ja vere en la kastilia lingvo ne ekzistas la necesaj vortoj por ĝusta traduko, kion faras tiurilate la Hispana Akademio de la lingvo ? Eble unike restas al ni la nura rimedo, nome, adapti ilin al la hispana, alivorte, hispanigi ilin. Probable tiu solvo jam estas hontiga, ĉar ĝi signifus la malriĉecon de nia lingvo kompare kun la aliaj, precipe kun la angla. Sed, kio devas neniel okazi estas verki tekstojn en kiuj konstante aperas makuloj. Eble la lingvistoj devas atenti pri ĉi tiu problemo, se oni ne deziras, ke la kastilia lingvo aperu, kiel filio de la angla. Tamen iom pli da profesia seriozeco donus al la problemo la ĝustan solvon.

Ne estas nova la entrudiĝo de fremdaj esprimoj en la hispanan lingvon, kiuj restis en nia ĉiutaga vivo post ilia adaptiĝo al la hispana.

Kiel specimeno jen la vorto futbalo, hispanigita, malgraŭ tio, ke en la hispana ekzistas por ĝi ĝusta traduko: piedpilko ( balon-pie ).

Mi supozas, ke tiu fakto okazas en aliaj lingvoj. Mi mem spertis eksterlande, ke la vorto toreadoro apenaŭ havas tradukon, kaj ĉie estas elparolata laŭ la hispana esprimo.

Se ni eltirus konkludon el ĉi tiu uzado de fremdaj esprimoj en la naciaj lingvoj, eble ni venus al la konkludo, ke iom - post iom nova internacia lingvo komencas - stariĝi en la mondo. Tio donus novan karakteron al la studo de lingvoj, kvankam ĉi tiu ebleco, nome la formiĝado de Internacia Lingvo "pere de la uzado de vortoj plej konataj internacie", ankoraŭ estas malproksime nuntempe. Vi mem povas konstati, ke ekzistas granda aro da vortoj uzataj internacie kaj, ke tiuj vortoj devenas el multaj lingvoj, precipe el la angla.

Sed la precipa temo nuntempa estas la protektado de nia lingvo, kontraŭ la influo de la angla entrudiĝo. Mi nenion malfavoran havas kontraŭ tiu lingvo, sed okupiĝi pri - la pureco de nia gepatra lingvo estas io, kion oni devas fari. Precipe tiu respondeco -

(daŭrigo sur la paĝo 6)

# 1992 NIA JARO

## ESPERANTO KAJ OLIMPIAJ LUDOJ 1992

Je 16 Oktobro okdeksesa jaro en Ĝenevo la aŭtoritatuloj pri sporto voĉdone decidis pri Barcelono, Hispanujo, kiel la plej bona loko por la Olimpiaj ludoj en la jaro 1992. Adamo Goralski parolis ĉe la Radio Nacia kaj proponis la ĉefurbon de Katalunio kiel la plej indan lokon kaj Esperanton, kiel neŭtralan, internacian lingvon, kiel la plej indan helplingvon. La reprezentantoj nek kongruis nek konsentis. Do, en tiu ĉi tago ekĝermis la ideo de kampanjo pro la enkonduko de Esperanto en la Olimpiaj ludoj. Sekve Adamo Goralski kiel membro de Esperanto grupo en Tenerife aperigis la unuan artikolon sub la titolo "Kial ne estas eble ?". Interalie presis ĝin ĵurnalo "El Día" (La Tago) de Santa Cruz de Tenerife kaj iom post iom alvenis kelkaj respondoj. Elstaris la pozitiva letero de la Prezidanto de Katalunio, Ekscelenca Sinjoro Don Jordi Pujol, due, de la kultura fako de la urboestrejo de Barcelono. Hispana kaporganizo HEF entuziasme aliĝis ĉi tiun ideon.

Ni devas konsideri, ke ankoraŭ mankas ĝis la dato pli ol kvin jaroj. Ni havas antaŭ ni sufiĉe da tempo ne nur pro la kampanjo, sed precipe por iniciati pli ol dek kursojn sur kvin kontinentoj. Sciate estas, ke ĉi tiu intenco ne estas nova. Antaŭ jaroj oni eĉ eldonis vortareton pri sporto, ktp. Sed nun oni devus duobligi, eĉ multobligi niajn penojn kaj fortege klopodi je ĉiuj internaciaj kaj landaj organizoj, komencante de la kapkomitato pri la Olimpikoj, kaj insisti en ĉiuj landoj sur ministeria nivelo. Poste, ankoraŭ penetradi sportajn klubojn en ĉiuj urboj.

Ni, karaj gesamideanoj, havas ĉie multegon da amikoj, ne gravas ke ili ne estas esperantistoj, kaj ĝuste per nacilingvaj leteroj ni povus direktiĝi al la aŭtoritatoj ĉu grupe, ĉu unuope, per apogantaj argumentoj, telegramoj eĉ telefonaj interparoloj. Bonvolu ne opinii, ke ĉi tiu tasko estos por ni tro dura aŭ donkiĥoteska. Tiuj ĉi tuj aŭdos la ege klaran respondon, ke ĉio eblas per konstanta laboro. Tiamaniere ni antaŭpaŝu, neniam flankiĝante kaj atendos nin certa sukceso.

Oni atentigas ĉiujn samideanojn, gelegemulojn de ĉi tiu artikolo, ke tiu ĉi klopodado posedas ankoraŭ alian faceton. Povus antaŭ ni malfermiĝi facila vojo, almenaŭ pado, por la amasoj de junularo. Eble trafos al ilia konvinkemo la agnoskado ke pere de la internacia kaj neŭtrala helplingvo, tiel sur la sportejoj kiel sur la stadionoj, ili facile interkompreniĝos. Se ĉi tiu pensmaniero disvastiĝus inter la gejunuloj, tiam la lernado de Esperanto estiĝus moderna kaj sekve tre necesa, tiel same grava kiel novaj kanzonoj aŭ la nuna stranga harfrizado.

Oni esperas, ke tuta esperantistaro instigota per niaj gazetoj kaj bultenoj volonte eniros en la kampanion kaj survoje — scipovas venki la eventualajn obstaklojn , atingonte tiamaniere la necesan reklamon - por Esperanto, eĉ post la Olimpiaj ludoj - 1992.

ESTO, grupo de Esperanto. Santa Cruz de Tenerife.

Verkis: Adamo Paŭlo Goralski



## EXPO DE SEVILO 1992 KAJ ESPERANTO

Post la rezigno de la usona urbo Ĉikago, Sevilo kun justeco konsentis al organizo de la internacia ekspozicio. Tiu ĉi glora urbo estis kiel ŝlosilo sur la vojoj de la malkovro de la Nova Mondo, kaj Sevilo estas ekde la jaro 1492 en kontinuadaj kontaktoj kun la Suda Ameriko. Jam estas preterpasantaj 500 jaroj de la grandfaro, kiam la ŝipoj pervele malkovris Guanahani, kiun la brava admiralo Kristoforo Kolombo eknomis "San Salvador". Rimarkinde, ke nun Sevilo estas unu el la plej romantikaj urboj de Hispanujo , kun kvartalo de Santa Cruz, kun la malnovaj turoj de Giralda kaj la oktangula turo ĉe la bordo de la rivero Guadalquivir. En ĉi tiu urbo, ni esperantistoj, kunvenadis okaze - de 44 landa kongreso en 1984, sed nun antaŭ niaj samideanoj el maltrankvila planedo Tero, staras grava tasko por la enkonduko de la internacia lingvo, kiel helplingvo por la organiza komitato ankaŭ por la - tuta daŭro de la ekspozicio. Do, tiamaniere, tuj post la Olimpikaj ludoj de Barcelono grave rolos Andaluzio kun sia ĉefurbo Sevilo dank' al la internacia ekspozicio - 1992.

➤

La urbo Sevilo, inda anfitriono kaj gastama ĉiam atendas alvenadon de pli ol 20 milionojn da gastoj kaj diverspecaj turistoj. Tiu ĉi urbo estiĝos la dezirega centro kaj interesaĵo de la mondopinio. Granda festo de la malkovro jam komencos aprilen kaj daŭros ĝis fino de Oktobro 1992. Sur granda spaco, eble 317 hektarojn kun centrejo de la "insulo Kartuha", koncentriĝos la lastaj atingaĵoj de homa sciado. Tiamaniere la "insulo Kartuha" estos la plej bela ekspozici-fenestro de Hispanio...

Sciate estas, ke la ekspozicio de Osaka, Japanio, lanĉis belan devizon: "La homa progreso en harmonio en la jaro 1970". Sed Sevilo fiere anoncas la temon: "Erao de la malkovro". La ekspozicio ekzamenos tri bazajn etapojn de nia disvolviĝo. Unue, antaŭ la malkovro, due, post la malkovro kaj trie, pri la bela estonteco de la homaro. Oni jam scias, ke ĝis nun partoprenos pli ol 60 landojn kaj espereble nia Esperantujo prezentiĝos per standoj, enironte al la dua jarcento de sia ekzistado. Oni povas atendi, ke niaj gesamideanoj kaj precipe la tegmentorganizo UEA inde kaj laboreme distingiĝos por antaŭigi esperantan movadon. Inter la partoprenontaj internaciaj organizaĵoj abundas privataj, komerc-kaj industriaj ekspoziciistoj. Ke ankaŭ ekbrilu la verda stelo! Oni tuj povas rimarki, ke impone estas pripensita la programo kaj certe prezentiĝos kulturaĵoj kaj artistaĵoj, distraĵoj kaj sportaj eventoj inklude la turistaj aranĝoj.

Neniel povu manki la Verda Stelo.... Estas je la dispono de partoprenantoj centoj da miloj de kvadratmetroj. La resto de la teritorio estas okupota de la organiza komitato. Nuntempe vigle komisaras Don Manuel Olivencia, kiu ekde 2a de Februaro 1987a komencis la propagandon por la EXPO. Bone estu rememori, ke je 15a de Julio 1986a oni publikigis rezultojn de la konkurso por la arkitekta ideo...

Ricevis la premiojn inĝ.Jozefo Antono Fernández Ordoniez kaj la mondkonata argentinano inĝ.Emilio Ambas, kiu rezidas en Usono. Ankaŭ Julie, Reĝa Moŝto Johano Karlo la Ia dekretis la ekspozicion. La konstruado de modernaj haloj jam komencis kaj ĉiuj planoj plenumos la deziregan aspiradon. Nu, ĉu ni esperantistoj povontus manki en ĉi tiu universala Sevilo, preskaŭ kapurbo de la mondo en la jaro 1992 ? Ankaŭ la eksterordinara Sevilo donos al ĉi tiu ekspozicio sian brilan ĉarmon, tiel konatan de la tutmondaj turistoj... Tiu ĉi urbo ekde romiaj tempoj jam kaptis atenton de la imperiestroj; Trajano kaj Adriano ŝajniĝis hejme, ĉi tie. Betika estis ĝia nomo tiam. Elfosaĵoj de suburbo "La Italika" montras ĝian pasintan gloron...

Same hodiaŭ la urbo Sevilo posedas la profundan spiritan signifon kaj la loĝantoj eĉ nun estis kaj estas la plej bonaj geamikoj de la turistaro. Afablaj kaj ĉiam gastamaj. Do, ne mirindas la alfluo de homoj allogitaj de ĉiu jara Paskofesto karakterizitaj de mezepokaj procesioj. Dum la mistera vespero svarmas nazaretanoj kun kandelegoj treninte pezajn ĉenojn ĉe siaj piedoj. Poste komenzas la gaja foiro kun buntaj ekspozicioj, festivaloj, dancoj kaj diversaj distraĵoj. Ankaŭ ĉiujare famiĝas taŭrobatalado kun la partopreno de plej elstaraj toreadoroj. Menciindaj estas andaluzaj vilaĝoj, kiuj kompletigas la ĉarmon de la sevila provinco.

Karaj gesamideanoj, nun la aŭtoro de ĉi tiuj vortoj alvokas kaj instigas vin, ke vi agu kaj klopodu, eĉ laŭbezone batalu, por ke la Verda Stelo sur nia standardo digne flirtos inter la internaciaj koloroj sur ekspoziciteritorio.

Kamilo Gradas

## KIAL NE ESTAS EBLE ?

La 16-an de Oktobro nokte, mi ne kapablis ekdormi. Plejmulto povus diri, ke tio ne gravas: multaj homoj suferas pro sendormeco, sed ĉifoje estis por mi neeble fermi la palpebrojn, ĉar la aŭtfajfiloj tro ĝenis al mi. La novaĵo estis pli grava ol tiu de venko en futbala ĉampioneco: Barcelono finfine estis atingin ta la honoron organizi la Olimpiajn ludojn 1992.

Tiutage matene mi havis la okazon esprimi mian humilan opinion, dum la programero "Kolokvo" en la Nacia Radio, ke Hispanio kaj speciale Barcelono ja meritas kaj estas atingontaj tiun honoron. Mi aldonis, ke kiel denaska polo tutkore apogas la Barcelonan klopodon kaj estas konvinkita, ke la tuta Pollando apogas Hispanion. Ĉar mi rimarkis kelkajn lingvajn aludojn - ekzemple, ke S-ro Bridge, el Jamaiko, kiel anglalingvano apogas Birmingamon, aŭ ke respektinda urbestro de Barcelono montras kelkajn lingvajn malfacilaĵojn - mi laŭtvoĉe aldonis, ke siatempe la helenoj starigis specon de komuna lingvo, la koiné, kiu superregis en la malnova imperio de Aleksandro. Ankaŭ mi citis, ke Lia Reĝa Moŝto Don Juan Carlos jam akceptis la honoran patronecon de la Universala Kongreso de Esperanto, memoriga pri la unua jubileo de tiu ĉi lingvo, kiu okazos en Varsovio en 1987. Mi sugestis, ke la internacia lingvo Esperanto povas esti uzata kiel helplingvo en la Olimpiaj ludoj

↘

de 1992, por kontribui al la diskonigo de la ludaj agadoj en Barcelono. Mia sugesto stumblis sur ia rezisto, ĉar oni aŭdigis la esprimon: "ne estas eble, ne estas eble..."

Ni ĉiuj scias, ke oni lastatempe multe jam parolis kaj diskutis pri Esperanto. La opinioj kaj argumentoj estas konataj de la plejmulto en nia societo, sed estas inde rememori iujn faktojn kaj okazaĵojn kiuj pruvas, ke praktike preskaŭ nenio estas neebla kaj ke Esperanto estas vera internacia lingvo, kun la avantaĝo esti libera, natura, eĉ liberiga lingvo. La malgrandaj lingvaj regionoj kaj areoj deziregas liberiĝi de la jugo, preskaŭ ĉiam malaminda, de la grandaj lingvoj, precipe de tiuj kolonialismaj.

Sekve, mi citos ekzemplojn, kiel memoraĵo kaj informo, por tiuj, kiuj neniam aŭdis, aŭ aŭdis ion nebulan, pri Esperanto.

En Barcelono mem, en la jaro 1909, Doktoro Lazaro Ludoviko Zamenhof, hebreo naskita en la pola tero iam okupata de la cara Rusujo, iniciatinto de Esperanto, prezidis la 5-an Universalan Kongreson de ĉi tiu lingvo. La kongreso okazis sub la patroneco de Lia Reĝa Moŝto, Don Alfonso la XIIIª, kiu, tiuokaze nomumis Doktoron Zamenhof komandoro de la ordeno de Reĝino Lizabeta la Katolika. Kiel konkludo de ĉi tiu kongreso, la sciado de Esperanto estis deklarata oficiala merito por konkursaj ekzamenoj, per dekreto de la ministrejo de instruado.

Multaj reĝoj kaj ŝtatestroj jam protektis Esperanton. Estis esperantisto marŝalo Tito. Franz Jonas, prezidanto de Aŭstrio, eĉ eldiris la malferman paroladon de la Universala Kongreso de Vieno, en 1970. La nuna Papo, Johano Paŭlo la IIª. kiam ankoraŭ estis kardinalo Karol Wojtyla, protektis kongreson de katolikaj esperantistoj en Censtoĥova, Pollando, en 1977. Maŭ Ze-dong ĝin skribe rekomendis komence de la Cina revolucio. Kiu estis ĉefministro de Nederlando, Wilhelm Drees, nuntempe centjarulo honore al kiu oni ĵus eldonis memorigan poŝtmarkon, estas same aktiva esperantisto. Dufoje UNESKO, en Montevideo 1954 kaj en Sofio 1985, jam rekomendis la instruadon de la internacia lingvo Esperanto. Oni povus aldoni pli multajn faktojn kaj argumentojn por montri, ke la akceptado de Esperanto estas la solvo por la moderna Babelturo, kiu trafos nin en 1992 en la "Grafa Urbo", ĉefurbo de Katalunio, Barcelono. La sportistoj estas junaj homoj havantaj sufiĉe da tempo por lerni elementan Esperanton, kio permesos ilin persone interkonatiĝi kun siaj eksterlandaj kolegoj. Ne estas vere, ke la uzado de Esperanto dum la Olimpikoj estu neebla: pere de malgranda ekonomia apogo Barcelono povus esti prezentata al Katalunio, Hispanio kaj al la sportistoj de la tuta mondo kiel la progresema urbo de la lingva moderneco kaj ja. roli kiel Ĉefurbo de la Mediteraneo.

Adam GORALSKI

Santa Cruz de Tenerife



## PRI PREMIO KLARA SILBERNIK

Ĉar pro konfuziĝo enŝteliĝis malĝustaĵo pri nomoj en la tiurilata kongres-raporto, aperinta en la 4-a paĝo de "HELECO", numero 52, ni ĝustigas la koncernan tekston jene: "La pasintjaran PREMIO-n KLARA SILBERNIK oni aljuĝis al s-ino. Rufina Cano, vidvino de la karmemora kaj bonkora esperantisto, s-ro Miguel Manteca".

Aldone ni diru pri s-ro. Manteca, ke lia forta persononeco, prestiĝo kaj altruisma entuziasmo fariĝis tre pozitivaj por nia Esperanto-movado, kaj danke al lia mecenateco estis eble la eldono de la verko "Don Kiĥoto de la Manĉo" en Esperanto.

Kiel sciate, en pasintaj jaroj ricevis tiun premion la edzinoj de aliaj distingindaj esperantistoj, inter ili la vidvino de la neforgesebla D-ro Herrero.

LA REDAKCIO